# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://itranslate4.eu/

**PLENUMITA 24/12/2015 Ducentkvardeknaŭa eldono 24/12/2015 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



**SENDATA AL 315** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**„Aŭstraliaj Esperantistoj“ korektita atingeblas je la suba adreso**

(Ctrl+klaku la veran ligilon) http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

Estas pli ol 225,000 lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.
https://www.duolingo.com/ (la Esperanto-kurso de Duolingo el de la 28a de Majo 2015)

# 102. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO



## Iom pli pri "de". C.

1e. Por la signifo de posedo kaj aparteno mi, kaj aliaj, uzas ĉiam la prepozicion "de". Ni do traktas tiun el la kvar signifoj, tiun pri posedo kaj aparteno, kiel la bazan signifon de la prepozicio "de". Do "La pafilo de la policano" signifas, ke ĝi apartenas al la policano. Pri tiu signifo miskompreno ne povas okazi, kvankam en Esperanto, kiel en naturaj lingvoj, tiu signifo estas tre vasta, kaj entenas rilaton, koncernon, konsiston, priskribon, kaj eĉ aktivan agon, kiel en "La dormado de la infano". Pro la decido de Zamenhof ni uzas "de" ankaŭ por la pasiva ago, se ĝi rilatas al pasiva participo, kiel en "La de la viro batita hundo".

Jen kelkaj pliaj ekzemploj de la vasta posedosignifo de "de": "La kongreso de Lilo"; "La modo de grandaj ĉapeloj"; "Floroj de sama valoro"; "La plej granda peco de la kuko"; "Homo de granda talento"; "Tago de mizero"; "Mia tasko de prezidanto"; "Bela bukedo de floroj". "La prezo de pano".

Daŭrigota. Marcel Leereveld.

Kara Roger Springer

Mi dankas vin pro la ĉiama alsendado de via bela, leginda "Aŭstraliaj Esperantistoj".

Al vi kaj viaj esperantamikoj en Aŭstralio mi sendas korajn salutojn.

Mi deziras al vi ĝojan Kristnaskon kaj ĉion bonan, sanon kaj feliĉon en la nova jaro 2016.

Amike

el Germanujo, Hermann

**Hermann Kroppenberg**

ESPERANTO la internacia lingvo




# La Manlia Esperanto-Klubo.



19/12/15 Venis 8 Esperantistoj. Bela somera tago. Bonaj amikoj

# Kelkaj korektoj por AE numero 248:



Paĝo 1: Pri 3ZZZ: Linio 1: "de lundo" devas esti "de la lundo",
ĉar sen ĉeflitero lundo ne estas
propra nomo, sed komuna nomo.
Linio 2: "de decembro" devas esti "de la decembro",
ĉar komuna nomo ĉi tie bezonas "la".



Paĝo 5: Linio 2: "de decembro" devas esti "de la decembro" (aŭ "de Decembro"), laŭ la logiko.
Linio 11: "de Decembro" devas esti "de la decembro" (aŭ

"de Decembro"), malgraŭ ke la normale logika
P.A.G. pri ĉi tio volas esti mallogika.

Linio 13: "mondonancoj" d. e. "mondonacoj".

Linio 8 elsube: "ĝisdatigi" d. e. "ĝisnunigi", ĉar ĝisdatigi" signifas ĝis ajna dato en la estinteco kaj onteco.

Kun amikaj salutoj, Marcel.




Plej bondezire, samideane, fratamike, Maria Aparecida da Silva www.bonavolo.com



**Pri 3ZZZ radio** Se vi ŝatas aŭskulti kristnaskajn kantojn en Esperanto, Laszlo Farkas en la elsendo de la 21a de decembro 2015 kontentigas vin pro sia elekto de multaj kristnaskaj kantoj. Krom tio, se vi ankoraŭ ne scias , vi ekscios kiu estas la esperantisto de la jaro 2015

Ĝuu tiun Esperanto-elsendon

Franciska Toubale.